4-a JARO MAJO 1912. 7a NUMERO (43)

# BELGA ESPERANTISTO

 MONATA REVUO 

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcio : | Administracio : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |
| 20, VONDELSTRAAT | 45, KLEINE BEERSTRAAT |
| (20, rue Vondel) | (45, rue de la Petite Ourse) |
| ANTVERPENO | ANTVERPENO |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## El la Urbo de la Kvara Belga Kongreso

La IVa Belga kongreso en Gent, antaŭvidigas plej brilan sukceson. Jam multaj alilandanoj sendis sian aliĝon, tial la kongreso estos vera internacia festo.

La Genta urbestraro sin montras tre favora al nia afero. La urbestro akceptis la altan patronadon de la kongreso. Li akceptos la kongresanojn en la urbdomo kaj promesis ĉeesti la festenon kaj eĉ la vesperfeston.

La organiza komitato de la Ekspozicio sin montras ankaŭ tre favora al Esperanto. Ĝi akceptis la servojn de U. E. A. por la dissendado de esperantigitaj reklamiloj, plie ĝi donacis al la Genta Grupo, 200 frs. por fari propagandon por la Genta Ekspozicio dum la kongreso kaj en la esperantaj jurnaloj.

La organiza komitato de la IVa sin okupas pri la loĝado de la kongrespartoprenontaj. Por Fr. : 2.50 ; 3.— ; 3.50 ; 4.— kaj 5.— ili povas havis bonan ĉambron kun matenmanĝo.

La prezidantoj de la diversaj grupoj estas afable petataj sciigi la horon de la alveno en Gento de siaj grupanoj por ke oni akceptu ilin ĉe ia stacidomo. La Gentanoj, delegitaj por gvidi la kongresanojn surmetos blankan brakumon, kun verda stelo, la kongresanoj povos sin turni al ili por ĉiuj sciigoj.

La kongresanoj estos kondukataj, kun muziko, de la Borso ĝis la urbdomo, kaj de la urbdomo ĝis la Borso.

LA ORGANIZA KOMITATO.

# PROGRAMO
DE LA
# IVa Belga Esperantista Kongreso

(Gent, la 26an de Majo 1912)

UNUA TAGO, DIMANĈO.

9 1/2 h. — Kunveno de la gekongresanoj en la Borso (Kouter-Place d'Armes).

10 h. — Oficiala akcepto en la Urbdomo.

10 1/2 h. — Jara ĝenerala kunveno de « Belga Ligo Esperantista » en la Borso.

12 1/2 h. — Fotografado de la gekongresanoj en la ĝardeno de la Borso.

1 h. — Festmanĝo en la granda salono de la Borso.

3 h. — Vizitado de la Urbo.

7 h. — Granda Kant-kaj-Drama Esperanta Festo en la Franckomedia teatro « Minard ».

DUA TAGO, LUNDO.

8 1/2 h. — Kunveno de la gekongresanoj sur la Placo de la Stacidomo.

9 h. — Vizito al florkulturejo en Gendbrugge. (La tiea grupo akceptos la gevizitontojn).

11 h. — Ekskurso per vaporŝipo, laŭlonge la pentrindaj riverbordoj «Lei».

1 h. — Manĝo. (Post la manĝo diversaj ludoj estos organizataj kaj kampara baleto okazos).

Vespere. — Reveturo al Gent.

La kosto de la kongreskarto estos unu frankon. Tiu karto rajtigas partopreni senpage la vesperfeston, la viziton al la florkulturejo, la publikajn monumentojn, k. c. La festeno, kun duonbotelo da vino, kostos fr. 3.50. La vaporŝipa ekskurso kostos fr. 1.25 po persono.

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## TAGORDO

de la ĝenerala kunveno, okazonta en Gent, Dimanĉon, la 26an de Majo, 1912, je la 10 1/2 matene, en la Borso, Kouter.

1. — Parolado de la Prezidanto.

2. — Raporto de la ĝenerala Sekretario pri la agadoj de la Ligo dum la jarperiodo.

3. — Raporto de la Kasisto.

4. — Disdono de la diplomoj pri profesora kapableco.

5. — S-ro PETIAUX. Pri neceseco de bona unuiĝo inter esperantistoj.

6. — S-ro SCHOOFS. Starigo de diversaj fakoj en la Komitato de la Ligo.

7. — S-ro DELVAUX. Raporto pri la ebla agado de la Belga Ligo Esperantista.

8. — S-ro CHAMPY. Reguligo de la Regularo
9. — S-ro VAN SCHOOR. Pri la jurnalo Belga Esperantisto.
10. — Elekto de ses membroj de la komitato.
11. — Elekto de la urbo por la 5a Belga Kongreso.

---

# Legu atente!

1. — Oni sendu eble plej baldaŭ sian aliĝon kune kun la mono por la kongreskarto kaj por la partopreno en la tagmanĝo kaj en la ekskurso.

2. — La personoj kiuj deziras loĝejon, sendu eble plej baldaŭ la monon, aldonante siajn specialajn postulojn.

3. — Ĉiajn pliajn detalojn pri la kongreso oni petu ĉe S-ro Petiaux, Sekretario de la kongreso, 60, St-Lievenslaan, Gent.

* * *

Abato Richardson komunikas al ni la sekvantajn vortojn:

Okaze de la 4a Kongreso, okazos en Gent dum la Pentekosta Dimanĉo, Diservo por katolikoj (Sankta Meso kun prediketo). La Diservo okazos je la 8.45 matene, **tre akurate**, en la preĝejo de la Jezuitoj, (rue d'Assaut).

---

# El la Lando kaj la Urbo de la Oka Kongreso

*Filia sekretariejo.* — La Komitato aranĝos en la stacidomo filian sekretariejon, por ke la kongresanoj tuj post eliro el la vagonaro, povu ricevi la adreson de sia loĝejo. — La enloĝiga oficejo en la stacidomo funkciados seninterrompe tage kaj nokte.

*Kongresa poŝtoficejo.* — En la akceptejo estos aranĝita speciala poŝtejo, kies oficistoj parolos esperante. — La oficejo estos malfermita konstante de la 8a matene ĝis la 7a vespere.

*La Ĉefpoŝtejo esperantigita.* — Laŭ peto de la Organiza Komitato, la Krakova poŝta Administracio okupos dum la kongresa semajno en la ĉefpoŝtejo nur tiajn oficistojn, kiuj konas Esperanton. — Krom tio, esperantaj surskriboj en la oficejo plifaciligos al la kongresanoj la orientigon.

*Adreso de la kongresanoj.* — Korespondaĵoj destinitaj por la kongresanoj devas esti adresitaj tiamaniere : Kongreso Esperantista, por Sro. X. Y. el... (ekz. Parizo), Krakovo, Aŭstrio-Galicio. — La kongresanoj estas petataj informi pri tio siajn korespondantojn.

*Interkomunikiĝo de la kongresanoj.* — Por korespondado inter la kongresanoj estos aranĝita aparta poŝto, pri kiu zorgos unu el la komitatanoj. — En la skriboĉambro de la akceptejo estos ĉiam provizo da leterpapero por senpaga dispono de la kongresanoj. — La interkongresana poŝto estos senpaga.

*Nomaro de la kongresanoj.* — La unua listo de la kongresanoj aperos en la maja numero de « Pola Esperantisto ». — La listoj estos regule ĉiumonate publikigataj.

*Fakaj kunsidoj.* — Car la unua alvoko restis preskaŭ sen rezultato, kio malfaciligas la starigon de l' kongresa programo, ni ree turnas nin al ĉiuj fakaj societoj kun varma peto, ke ili komuniku al ni, kiom da kunsidoj ili deziras arangi. — La lasta tempolimo por tiuj avizoj estas la 1-a de junio. — Avizoj, kiuj venos post tiu dato, ne povos esti konsiderataj.

*Oficialaj eldonaĵoj.* — Estis eldonitaj duspecaj glumarkoj kaj poŝtkarto, faritaj laŭ projektoj de eminentaj pentristoj. — La Glumarko A. prezentas motivon el la krakova katedralo, la glumarko B. la reĝan kastelon en la kongresurbo kaj la poŝtkarto ĉevalgrupon de Apolo, veturanta tra la ĉieloj. — Tiu ĉi motivo de la helena skulptarto estas tre lerte adaptita al la ideo de esperantismo.

*Albumo de la kongresanoj.* — Sendante sian fotografaĵon, oni nepre skribu sur ĝia malantaŭa flanko sian antaŭnomon, familian nomon kaj urbon. — Tio estas necesa por eviti eventualajn konfuzojn.

*Rezervitaj numeroj.* — Ĉar la lasta templimo por la provizoraj aliĝoj jam forpasis la 1a de majo, la Komitato ne plu konservos la rezervitajn al ili numerojn.

Loka Organiza Komitato.

## La florkulturejoj de Louis Van Houtte père

En la jaro 1840, Louis Van Houtte, kiu dum kelka tempo estris la botanikan ĝardenon de Bruselo, fondis proksime de la Genta urbo, la grandan kaj mirindan florkulturejon, kiu eternigas lian nomon.



Enirejo de la Florkulturejoj Van Houtte.

Louis Van Houtte estas la kreinto de la florkultura scienco. Li priverkis la principojn de tiu scienco en la mirindega kaj grandluksa publikajo « La Flore des Serres et des Jardins de

l'Europe » kies plena kolekto (23 volumoj, de 1845 ĝis 1880) estas tuta biblioteko. Li instruis la flor-kaj ĝardenkulturadon en la lernejo kiun li adjungis al sia florkulturejo kaj



Vidajo de parto el la subvitraj kulturejoj.

kiu poste fariĝis ŝtata lernejo. Intertempe naturscienculoj, botanistoj kaj vojaĝistoj esploradis, je liaj elspezoj, la insulojn de la Sondo, Guatemalaon, Venezuelon, Honduranson, Gujanon

Kubon, Afrikon, k. t. p. kaj aldonis novajn trezorojn al tiuj kiujn li jam posedis en Gentbrugge. La nombro da kreskajoj importitaj, kulturitaj kaj venditaj de Louis Van Houtte estas ne kalkulebla.



Aleo de globformaj laŭrarboj

Lia morto, okazinta la 9an de majo 1875, estis por la Gentanoj, gravega perdo. Liaj amikoj sin unuigis por starigi la artplenan monumenton, kiu de 1879 staras sur la Grandplaco de Gentbrugge. —

La florkulturejo Louis Van Houtte, estas la ĉefa el la tuta mondo. Ĝi estas la ĉefa, ne nur pro sia vastego (kulturoj kaj subvitraĵoj havas supraĵon da 14 hektaroj), sed la ĉefa



Aleo de piramidformaj laŭrarboj.

ankaŭ pro sia nekomparebla riĉeco, pro la multnombrego kaj la diverseco de siaj kolektoj, pro la maloftaĵoj kiujn ĝi enhavas; ĝi enhavas preskaŭ tutan la mondfloraron, pligrandigitan ankoraŭ per la belegaj kaj rimarkindaj

kreitaĵoj de Van Houtte kaj liaj postvenintoj kiuj celadis daŭrigi liajn tradiciojn.

En 1889 la florkulturejoj Van Houtte fariĝis la propraĵo de la Anonima Societo Florkultureja Louis Van Houtte père,



Historia ekspozicio en la florkulturejo Van Houtte.

kies administrantaro estas prezidata de S-ro J. Van Langenhove, kaj kies sekretario estas S-ro L. A. Van Houtte.

Prof. ARTH. VERMANDEL.

# Protokolo pri la komitata kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta la 18 an de oktobro, en la salono de « Hôtel du Moulin d'Or » en Bruselo.

La kunsido estas malfermata je la 10 1/4a, sub la prezidanteco de S-ro Van der Biest-Andelhof.

Ĉeestas : **Delegitoj de la ĝenerala kunveno :** S-roj Champy, Pastro Richardson, Parotte, kaj kaj D-ro W. Van der Biest, anstataŭanta S-ron Van Schoor.

**Delegitoj de la grupoj** : S-roj Van der Biest-Andelhof (A. G. E.) ; Schoofs kaj Weisz, anstataŭanta S-ron Hermans (V.S.A.) ; Scuvée (Beyne-Heusay); F-ino Posenaer(Laboro); F ino Ledène kaj S-ro Witteryck (B.G.) ; S-roj Mathieux (B. G.) ; Lamberts (L. Z.); Petiau, anstataŭanta S-ron Sebruyns (G. G.) ; Delvaux (K. G) ; Van de Stadt (V. F.) Baez (St-Gillis).

**Senkulpiĝis** : S-roj Babilon, Clerbaut, D-ro Dupont kaj Finet.

Ĉar 17 delegitoj ĉeestas, la kunsidantaro rajtas voĉdoni.

1. **Protokolo.** La Sekretario legas la protokolon de la antaŭa kunsido ; la prezidanto proponas ŝanĝon al la teksto de la 2a punkto, kaj la protokolo estas aprobata.

2. **Donaco al D-ro Zamenhof okaze de la 7a Kongreso.** Ĉar la sumo kunigita inter la diversaj grupoj ne sufiĉas por la elspezoj, la komitato decidas ke la liga kaso pagos la plensaldon.

3. **Uzado de la eventuala parto el la profito produktota de la 7a kongreso.** Post klarigoj de la Prezidanto kaj de D-ro Van der Biest, S-ro Champy proponas ke, el la eventuala sumo ricevota, oni redonu unue al diversaj grupoj la sumojn donacitajn kiel premiojn por la literatura konkurso de la 7a kongreso kaj ke la cetero estus akirota al la liga kaso. Akceptata.

4. **Ĝenerala propagando.** La Prezidanto sciigas ke la sumo kunigita dum la 7a kongreso je l'nomo de la Soldo por l'Esperanto estas 153.06 frankoj.

S-ro Parotte parolas pri la nova esperantista movado en Spa kaj petas ke la Ligo faru la eblon por sukcesigi la fondon de grupo. S-ro Mathieux sciigas pri disvastigado de Esperanto en la lernejoj de St. Gilles.

S-ro Baez proponas ke la Ligo eldonu novan propagandan broŝureton. Post aŭdo de diversaj opinioj estas decidate ke la propaganda broŝureto de S-ro Witteryck estos uzata por ĉi tiu celo.

Diversaj komitatanoj parolas pri la akcepto en la Ligo de societoj kiuj havas alian celon ol nur la propagando de Esperanto. La Prezidanto kontraŭbatalas tiun ideon kaj la kunvenantaro opinias kiel li.

5. **Honoraj Membroj.** S-ro Delvaux klarigas la proponon elekti kiel honorajn membrojn de la Ligo S-ron Devreux, urbestro, kaj de Wandre skabeno de Charleroi, kaj S-ron Pastur, ĉiama deputato de la provinco de Hainaut. Akceptata sen diskutado.

6. **Baloto de la estraro de la komitato.** S- Van der Biest-Andelhof klarigas ke lia sanstato ne plu ebligas lin akcepti novan mandaton kaj ke li estas devigata forlasi, almenaŭ dum kelka tempo, la agadan movadon. Li speciale petas ke oni ne insistu por ke li ŝanĝigu tiun decidon.

S-ro Witteryck je l'nomo de la komitato esprimas la sentojn de siaj kolegoj kaj dankas S-ron Van der Biest por la agemeco kaj la servoj donitaj al nia afero ; li deziras al li, rapidan kaj plenan resanigon.

S-ro Parotte, liavice, dankas S-ron Van der Biest kaj esprimas la bedaŭrojn kiujn lia foresto naskigas.

La rezultato de la baloto estas la jena :

Prezidanto : S-ro Witteryck ; Vic-Prezidantoj : S-roj Pastro Richardson kaj Delvaux ; ĝenerala sekretario : S-ro Champy ; Kasisto ; S-ro Mathieux.

La kunsido disiĝas je la 13a.

La Ĝenerala Sekretario :
L. Champy.

## Oficiala Gazeto Esperantista

OFICIALA GAZETO, n-ro 43 (25 Aprilo 1912). — Tiu numero enhavas raportoܢ pri la angla traduko de multaj vortoj de Universala Vortaro, verkitan de la angla subkomitato, sub direktado de F-ino Ŝefer, kaj prezentitan de S-ro Cart, direktoro de la Sekcio pri Vortaro de la Lingva Komitato. Poste venas studo de S-ro Ch. Verax, direktoro de la subkomisio de la Lingva Komitato, pri Teknika kaj Scienca vortaro. Tiu studo starigas la terminologiajn fundamentajn principojn por la Scienca Lingvo en Esperanto. Poste venos raporto de S-ro Evrot, pri la laboro de la Franca studkomisio por ĉiulanda esperanta verkaro, informoj pri la Oka Kongreso kaj la sesa raporto de la Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Verkistoj. Al tiu raporto estas aldonita studo de S-ro Pailfield pri la Zamenhofa uzado de la verbo « esti ». En la numero estas enmetita aliĝilo al la Oka Kongreso kaj ĝenerala katalogo de nova esperantista Librejo « Gillet kaj K-io ». Tiu ĝenerala katalogo enhavas preskaŭ ĉiujn verkojn jam publikigitajn nur en esperanto, klasifikitajn laŭ la principoj de Decimala klasifiko, kaj tiu katalogo esta grava bibliografia dokumento.

---

## IIIa Internacia Kongreso de Katolikoj Esperantistaj en Budapest (Hungarujo)

Ia cirkulero. (Epitomo el la protokolo de loka komitato.)

Laŭ decido de l'IIa estas aranĝota nia IIIa kongreso en Budapest, en la bela ĉefurbo de Hungarujo. Monsinjoro D-ro A. Gieswein, parlamentano, kiu invitis la III-an en Hungarujon, jam preparis bone la sorton de nia kongreso. Li havis komision ne nur de l'II-a, sed ankaŭ de *Hungarlanda Katolika Grandkunsido*, por aranĝi nian III-an. Li ekkomencis sian laboradon en tiu direkto, ke la societoj de hungarlandaj katolikoj ĉiuj proprigu nian movadon. Kaj efektive, jam la III-an aranĝos la *Hungarlanda Katolika Federacio*, kiu klopodos fondi esperantajn sekciojn en ĉiuj unuiĝoj de katolikoj.

La loka kongreskomitato fondiĝis kaj ekkomencis sian laboradon. Ĝi decidis la tempon de l'III-a. La loka komitata trovis plej konvenojn tagojn por la III-a, la 22-23-aj de aŭgusto, post la tagoj de la VIII-a. La kongresa kotizaĵo estos 2 Sm. La adreso de organiza komitato estas : **Országos Katholikus Szövetség**, Budapest IV, Ferenciektere 7. Kiuj intencas partopreni la III-an, ili sendu poŝtkarton al la organiza komitato por antaŭanonco. Skribaĵojn (nomon, profesion, adreson) legeblajn ni petas.

La organiza loka komitato.

---

# Va Brita Esperanto Kongreso

*Vizitu Irlandon!*

Certe longa tempo pasiĝos antaŭ ol Europanoj povos viziti Irlandon tiel facile kaj malmultekoste kiel je Pentekosto, 1912. Tiam okazos ĉe Portrush, la 5a Brita Kongreso, ĉe kiu jam eklogas multnombrajn Esperantistojn el Granda Britujo, por ĉeesti ĉe la granda jarkunveno kaj vidi nian belan landon.

Oni vojaĝas laŭvole London, Hull, aŭ Edinburgo, trovante samideanojn en ĉiu loko kune kun kiuj vojaĝi. Kongresanoj devus preni biletojn por Belfast, laŭ Liverpool, Heysham, Fleetwood, aŭ Glasgow, alvenante sabaton, 25 Majo, matene. Ili procedos per speciala vagonaro al Portrush, kie ĉiuj trovos loĝejojn aranĝitajn.

Okazos ekskursoj ĉe la Giant's Causeway (Chaussée du Géant), 8, Coleraine, kaj la bela valeto de Glenariff; ankaŭ Esperantaj Diservoj, jarkunvenoj de la B. E. A., koncertoj, fakaj kunvenoj, tre interesa programo.

La tuta kosto, de matenmanĝo sabate ĝis vespermanĝo en Belfast marde, kiam la kongreso finiĝos, estos unuaklase 24 sm., duaklase 16 sm 750., triaklase 13 sm 750, enkalkulante loĝadon, ekskursojn, k. t. p.

Al ĉiu demando respondos tuj por la Kongresa Komitato

Freeman W. Crofts,
Hon. Sek.
Stacidomo.
Corelaine.
Ireland.

---

## Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura

### Va KONGRESO

*Tournus, 26-27 Majo 1912.*

Ĝoje ni akceptos la fremdajn gesamideanojn kiuj partoprenos nian festan kongreson. Tio permesos al ili visiti Tournus kaj ĝian faman abatejon; Dijon, ĉefurbon de Bourgonjo; Beaune kaj ĝian malnovan mirindan hospitalon; Le Creusot kaj ĝiajn grandegajn fabrikejojn; Autun, antikvan Romanan urbon; Lons-le-Saunier kaj giajn belegajn grotojn, k. t. p.

En ĉiuj urboj de nia federacio troviĝas delegitoj de U. E. A. kiuj estas pretaj fari amikajn servojn al la vizitontoj. (Sin turni al la Sekretario por mendi la gvidlibron de Tournus, kie estas en esperanta teksto.)

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — Ni rememoras al niaj gelegantoj ke nia Urba Popola Bibioteko (Blindenstraat - Rue des Aveugles) posedas belan kolekton da Esperantaj libroj. La libroj estas pruntedonataj ĉiujn labortagojn de la 10a ĝis la 16a horo. Por ke oni povu pruntepreni librojn estas postulate, ke oni prezentu ateston de la policestro de la kvartalo, de l'oficejo de l'enloĝantaro aŭ de la sekretario de la Antverpena Centra Esperantista Komitato, pruvantan ke la petanto estas plene 15jara kaj de almenaŭ unu jaro loĝas en la urbo. Oni ne akceptas la enloĝantojn de la limnajbaraj komunumoj.

— **La Verda Stelo**. — La ĉiusemajnaj kunvenoj regule okazas ĉiumerkrede je la 8 1/2a vespere en la sidejo : « Zomerhof », Dageraadplaats, 30. Ĉiuj membroj vizitu la grupon tiun tagon ! ! !

La 17an de aprilo okazis la ĉiumonata kunsido, dum kiu oni precipe priparolis la starigon de firma komuna centra organizajo inter ĉiuj Antverpenaj grupoj Esp.. Krom en kelkaj detaloj la proponita projekto de regularo ricevis la ĝeneralan aprobon kaj la kunsidantaro elektis siajn 6 delegitojn al la kunveno, kiu okazos la 7an de majo kaj dum kiu la reprezentantoj de ĉiuj Antv. grupoj pli detale esploros la aferon.

Kelkaj membroj atentigis la komitaton pri la 10a Internacia Kongreso de Esperanto, okazonta post du jaroj en Parizo kaj instigis ĝin organizi ŝparkason por plifaciligi la partoprenon de la grupanoj en tiu kongreso, kiu sendube estos la apoteozo de niaj ĝistiamaj grandaj kongresoj. La komitato havas la plezuron sciigi ke la starigo de la proponita ŝparkaso estas de paro da semajnoj plenumita fakto. Jam pli ol dek grupanoj partoprenas en ĝi kaj ni neniun dubon havas pri la bona akcepto kiun tiu novajo renkontos ĉe la aliaj societanoj.

**Grava avizo !** Ĉiuj gesamideanoj de « La Verda Stelo » estas insiste petataj ĉeesti nian ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon de la 22a de majo, je la 8 1/2a vespere en nia sidejo « Zomerhof ». — La tagordo estas tre grava.

Leono.

**BRUGGE.** — **Bruga Grupo Esperantista**.—(Fond. 1902) Agada Komitato : Prezidanto : S-ro A.J. Witteryck ; Vic-Prezidantoj : S-ro Advokato Ch. De Poortere, rue des Cordonniers, S-ro Kapitano L. De Vriendt, Rue des Oies, 42 ; Sekretariino : Fraulino B. Ledène, Avenue de Steenbrugge, 78 ; Kasistino : Fraulino Laure Priem, Quai du Miroir, 5 ; Membroj : S-ro Van de Vijvere Georges, Rue des Annonciades, S-ro C. Maton, Instruisto, Rue haute, 26.

81 Membroj, inter kiuj 4 diplomitaj geprofesoroj.

En nia urbo, la estraro estas tute favora al Esperanto. Dum la pasinta vintro estas donitaj tri kursoj.

1° Elementa kurso de la Prezidanto (antaŭ novjaro) ;
2° Supera » » »
3° Elementa » » F-ino Anna Boedt (post novjaro).

Dum la somero, la membroj kunvenas kelkfoje por interparoladi en Esperanto aŭ por akcepti fremdajn samideanojn vizitantajn la urbon.

**CHARLEROI.** — Okaze de la ĉiujara vesperfesto, la Karloreĝaj grupanoj, kune kun multnombraj amikoj, kuniĝis la 21an de aprilo en la « Hôtel de l'Espérance » je la 8a vespere. Speciale citindaj estas niaj fervoraj gesamideanoj F-ino Dufour, F-ino Notte, S-ro Counson kaj S-ro Omer, kies muziktalentoj vere ĉarmis la ĉeestantojn.

F-ino Notte delikate kantis sentimentalajn strofojn de « Apud la lulilo ». F-ino Dufour, la lerta pianistino, virtuoze prezentis « Marche nuptiale » de Grieg kaj « Mazurkon » de Chopin. S-ro Counson resonigis la salonon per la « Espero » kaj la « Vojo ». S-ro Omer ĝojigis nin per « L'Ombre » de Flotow kaj « Invocation » de Gounod. Plezurege ni reaŭdis la « Esperantistan Kantaron » kunmetitan el diversaj esperantaj kantoj laŭ malnovaj flandraj kaj germanaj melrdioj, kaj majstre luditan de S-ro Clauninck. Ni ne forgesu S-ron Tiron kies belajn ariojn ankaŭ ĉiuj varme kaj laŭmerite aplaŭdis. Fine, S-roj Dusurgey kaj Wagner faris *duopan* paroladeton pri la neniam elĉerpebla objekto « La Virino », esperantigita de S-ro Dusurgey laŭ franca originalo.

Inter la du partoj de la programo, S-ro Mathieux, la sindona Brusela propagandisto, ravis la aŭskultantaron per lerte kaj sprite prezentita raporto pri sia vojaĝo al Aŭgsburgo, okaze de la 1a Kongreso de U. E. A. Ni ŝuldas multe da danko al S-ro Mathieux pro liaj vere agrablaj paroloj, kiuj eĉ la nove aliĝintaj anoj ŝajnis kaj certigis sufiĉe esti komprenintaj.

Tiaspecaj kunvenoj pli kaj pli densigas kaj fortigas la esperantistan amikaron. F. W.

**IXELLES.** — Ĉe la nova fundita grupo nia samideano R. De Leener organizis propagandan ekspozicion kiu tre bone sukcesis kaj varbis novajn esperantistojn. La grupo bone progresas.

**JODOIGNE.** — En tiu ĉi malgranda urbo el suda parto de Brabanto nia samlingvano R. De Leener, sukcesis, dank'al propagandvojaĝo trovi kelkajn sinjorojn kiuj studas nuntempe esperanton. Li afiŝigis propagandilojn en la kafejoj. Ĉu tio estus la fajrero kiu bruligos la fajregon ? Espereble !

**MECHELEN.** — Jaŭdon, la 2an de Majo, la Meĥlena Grupo Esperantista kunvokis siajn anojn en sia kunvenejo « De Kraai » (La Korniko), O.-L. Vrouw str, por aŭskulti Esperantan paroladon farotan de nia sindona samideano S-ro Oscar Van Schoor. La lerta parolanto rememorigis al siaj aŭdantoj la utilecon de monolingvo. La grandaj sciencaj elpensitajoj de la lasta jarcento alproksimigas la korpojn de la homoj ; internacia helplingvo alproksimigos iliajn spiritojn kaj iliajn spiritojn kaj iliajn korojn... La oratoro donis kelkajn bonajn konsilojn pri la lernado de Esperanto, kaj pri ĝia praktika uzado. Li montris la agrablecon kaj utilecon de la Esperantaj kongresoj, en kiuj homoj el ĉiuj nacioj, apartenantaj al la plej diversaj rangoj, lingvoj kaj religioj, pace interfratiĝas kaj amikiĝas. Tiu ideo kondukis la parolanton al varma fina glorigo de la mondpaco per Esperanto.

S-ro Van de Velde afable dankis la oratoron. Kelkaj Antverpenanoj ĉeestis tiun paroladon, unu el la plej konvinkdonaj, belformaj kaj sentplenaj kiujn ĝis nun ili aŭdis. M. P.

**VERVIERS.** — **Verda Stelo.** — En la kunveno de la 10a de marto, oni decidis ke ĉiumonate unu el la membroj faros paroladeton pri iu temo de li elektita.

Mi akceptis fari la unuan kaj parolis pri « Historio de la salona kanto » tiu paroladeto multe sukcesis. Ĝi okazis la 24an de marto.

La 14an de aprilo, S-ro Henri Bernard elektis kiel temon. « La Brulado de la Fagne. » Tiu paroladeto ankaŭ sukcesis.

La 8an de aprilo, la Verdaj Stelanoj ekskursis ĝis la Gileppe. En tiu unua ekskurso, multoj membroj partoprenis.

La artikoloj, pri la antaŭenirado de Esperanto, kiujn la komitato sendas ĉiusemajne al la urboj jurnaloj, vere interesas la publikon.

Tio estas bona semo por la proksimaj kursoj, kiujn oni donas dum la vintro.

— **Esperantista Grupo**. — Kune kun la grupo « Esperanto » el Spa, la Esperantista Grupo ekskursis la 28an de aprilo.

Kelkaj Verviersanoj foriris matene kaj piediris ĝis Spa tra la arbaroj. Ili atendis ĉe la stacidomo la aliajn kiuj estis venontaj vagonare. Tie ankaŭ venis la samideanoj el Spa kaj kune oni ekskursis en la belaj cirkaŭajoj de Spa.

Tre bela ekskurso, kiu estas la unua de serio kiun oni jam decidis.

J. PIRNAY.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — Tre vigle oni paroladis por disvastigi la lingvon en la lasta monato ; okazis sukcesplena parolan en Accrington, farita de S-ino L. Iddon antaŭ la Kooperativa Gildo de Virinoj kaj alia en la Licea Literatura Societo. En Birmingham ĉe la Societo de Kristanoj Junuloj ; la sekretario de l' « Cosmopolitan Club » (literatura) estas varbita al esperanto. En la sama urbo paroladis S-ro Ed. Privat antaŭ la « Franca Rondo « de la Universitato (en Fr. lingvo) poste li parolis Angle pri Esperanto antaŭ pli ol cent ĉeestantoj. Plie en Dorking paroladis S roj Marchand, Long kaj Flügel, kaj oni esperas baldaŭ starigi novan kurson. Plie en Reigate,.kie S-roj Privas kaj Mudie parolis. La urbestro de Reigate varbiĝis al la lingvo. Plie en Southport parolado okazis antaŭ granda aŭskultaro pri vizito en Belgujo. En la Universitato de Londono parolis S-ro Mudie ; kaj en Sutton oni paroladis pri vojaĵado en Kanado. Grava propaganda parolado okazis pli de S-ro Bredall, F. R. G. S.

Okazis plie kunsidego de l' Federaciaj nordorientaj kaj ĉie burĝonas energie la ĉie videbla verdeco de vigla propagandado.

Estis permesate al S-ro Privat paroladi al Sinjora Moŝto, Lord Haldane, Ministro de l' Milito (en la militoficejaro). Tiu lasta tre interesiĝis pro l' Esperanta movado ; post demando : ĉu oni ne povas enkonduki Esperanton en la Britan armeon, Lord Haldane ne volis doni promeson, dirante ke : la Britoj estas tre konservativaj.

AD. ŜEFER

**Francujo.** — 18 Aprilo. — La nacia kongreso de Franca Societo por la propagando de esperanto okazis en Parizo la 13-14 de Aprilo kaj plene sukcesis. En ĝenerala kunsido de la rajtigitaj delegitoj oni alprenis financajn decidojn pri la regula publikigado de franca jarlibro, kaj ankaŭ de l'oficiala bulteno de la S. F. P. E.

Granda festeno kloturis la kongreson. Multaj eminentuloj francaj kaj alilandaj ĉeestis tiun festenon. Entuziasme la 200 estantoj aplaŭdis la francajn kaj esperantajn paroladojn de la prezidanto S-ro Rollet de l'Isle, de la socialista pariza deputato Aubriot kaj de la fremdaj samideanoj. Grandan impreson ricevis la neesperantistoj de tiu bela manifestacio.

Sabaton 13 Aprilo, posttagmeze okazis la ĝenerala kunveno de la franca asocio « Esperanto ĉe la lernejo » kiu celas propagandi nian lingvon en la universitataj medioj — 18 departementaj sekcioj nun funkcias normale. Centra komitato estis balotita kaj ankaŭ honora prezidanto. Tiu lasta estas S-ro Aymonier, profesoro en la pariza liceo « Charlemagne ». — La gazeto « Franca Esperantisto » estas la oficiala organo de l'asocio.

AIZIÈRE.

**Hungarujo.** — La preparoj de la nacia kongreso vigle daŭradas, la prezidanto de la organiza komitato estas D-RO LEONO LORAND (Budapest, IV, Kossuth Lajos utca 10) al kiu estas sendata ĉio rilate la kongreson. En *Szeged* fondiĝis nova grupo, kies anoj ĉiusemajne kunvenas por ekzerci la

lingvon. En *Porsony* estas la movado tiel vivkapabla, ke la grupo mem eldonis litografitan jurnaleton. En *Esztergom* daŭriĝas la kurso. Pli ol sep dek personoj lernas nun tie nian karan lingvon. Cetere la 31-an de marto havis tie lia prelata Moŝto D-RO A. GIESSWEIN propagandparoladon, kies rezultato duobligis la nombron de l'kursantoj. Grava sukceso estas, ke la nova naturscienca gazeto « *Természet* » (Naturo) malfermis konstantan esperantan rubrikon. La redaktoro de tiu ĉi scienca revuo estas D-RO STEFANO BALAZS profesoro en Budapest. —SDE—Y.

**Portugalujo.** — En Lisbono, funkĉias kurso ĉe la policistoj,instruata de S-ro leŭtenanto Acacio Lobo, kaj alia en la grupo instruata de S-roj Lobo kaj Bemaldo.

Aperis bonaj artikoloj en la studenta gazeto « Os Novos », verkitaj de S-ro Henrique de Moura. kiu faras viglan propagandon en la liceo, kaj ankaŭ kelkaj de S-ro Bemaldo en diversaj gazetoj.

— La 18an de Aprilo efektiviĝis parolado pri « Utiloj de lingvo internacia » farita de D-ro Corneiro de Moura, bonkonata jurnalisto, oratoro kaj direktoro de oficejo de la Publika Instruado.

Ĉe la parolado estis multaj personoj kaj estis disdonacitaj broŝuretoj « Kio estas Esperanto ? »

La Portugala Societo Ruĝa Kruco decidis eldoni 10.000 ekzemplerojn de poresperanta propaganda broŝuro.

— La 11an de aprilo okazis la edziĝo de nia samideano S-ro José Carvalhido, vic-delegito de U. E. A.

**Skotlando.** — La 10an de aprilo la Edinburgaj Esperantistoj kunvenis por adiaŭi gesinjorojn Easson, antaŭ ilia foriro de Skotlando al Vancouver Brita Columbia, Usono. La Sinjorino ricevis de la Grupanoj kiel memorajon emajlitan juvelon (Verdan Stelon) kaj la Sinjoro ankaŭ ricevis stelforman pinglon. S-ro Easson dum longa tempo multe laboris por helpi nian aferon en Edinburgo : li estas tre lerta instruisto kaj estis ĉiam preta por kuraĝigi siajn kunlaborantojn. Ĉiuj deziris grandan sukceson por li kaj lia edzino en ilia nova hejmo.

La 14an de tiu ĉi monato ĉe la grupkunveno en Edinburgo la jara raporto estis tre kontentiga. Multaj ĉeestis ĉe la grupkunvenoj dum la vintra sezono, kaj neniam mankis la entuziasmo. La vizito de *sepdekkvin* anoj al la Antverpena kongreso, donis al la diversaj fakoj de la societa vivado novan intereson.

Kvin anoj gajnis la diplomon de la B. E. A.. kaj dekkvin sukcese plenumis la ekzamenon por komencantoj. La rezultatoj estis bonaj ĉar ĉiuj sukcese ekzameniĝis. Oni elektis kiel novan prezidanton S-roj Ford kaj la vicprezidantoj estas S-ino Wilson kaj S-ro Harvie. M. WHITE.

**Svedujo.** — Kaŭze de la parlamentpropono de S-oj Wawrinski kaj Lindhagen, pri kiu B. E. jam enhavis raporton, svedaj esperantistoj disdonis al ĉiuj membroj de « riksdagen » protestskribajon kontraŭ malveraj sciigoj kaj malĝusta konkludo, kiujn prezentis la proponintoj. La ĉefaj argumentoj de tiu protestskribajo estas ke la helplingva problemo jam estas solvita, kaj ke la parlamento, se ĝi volus akceli la helplingvan movadon, pli efike farus tion se ĝi enkondukus Esperanton kiel elekteblan instrutemon de la lernejoj, sed ke ia delegitaro por krei novan helplingvon estus de dubinda graveco.

La propono nun estas rifuzita de la parlamento per granda primulto da voĉoj.

— S-ro Parrish el Kalifornio parolis en Hälsingborg, Goteborg, Boras kaj Stockholm — ĉie kun bona sukceso kaj antaŭ multe da ĉeestantoj.

———xxxx———

# Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj

(Ildepo)

celas, laŭ § 1a de sia regularo,

1e) diskonigi la internacian helplingvon « Esperanto» inter gepoŝtistoj kaj getelegrafistoj ĉiurangaj, ĉiunaciaj ;

2e) utiligi Esperanton al la trakto pri internacie interesaj fakaj aferoj ;

3e) praktikadi Esperanton en la poŝt- kaj telegraf- fakaj rilatoj inter la geoficistaro kaj la publiko.

Fondita la 22an de januaro 1911 de S-ro P. Schmidt, (Dresden) la Ligo elektis, okaze de ĉefkunsido en Dresden (17/8. 1911), kiel prezidanton S-ron Superan Poŝtpratikant on Arnold Behrendt, (Breslau.)

Por realigi la unuan celon de «Ildepo» oni tuj interrilatigis sin kun samfakuloj eksterlandaj. Por ke oni plej efike propagandu la lingvon Esperanton inter iunaciaj oficistoj, oni nepre bezonas nacian asocion specialan. Dank' al la sindonaj klopodoj de S-roj G. Chavet, (Paris) kaj Balandier, (Dijon) fondiĝis la 27an de februaro 1912 la «Esperantista Asocio de la oficistaro de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono de Francujo kaj kolonioj ». La Asocio aliĝis je Ildepo, kies korporativa membro jam estas la «Germana Esperanto-Unuiĝo de poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj». Sufiĉe granda nombro da gepoŝtistoj esperantistaj ekzistas en Rusujo, Aŭstrio kaj Hungarujo, sekve oni povas esperi, ke dum 1912 ankoraŭ fondiĝos rilataj asocioj naciaj, izolitaj poŝtistoj esperantistaj Aŭstralio, laŭ tio, kion oni povis konstati ĝis nun. Certe ankaŭ aliloke vivas esperantistaj poŝtistoj ; ili estas insiste petataj, interrilatigi sin kun la nuna Ildepa prezidanto, por ricevi informojn (Breslau 15, Maxstr., 22).

Por realigi la duan celon de Ildepo, oni devis pripensi la eldonon de aparta faka jurnalo. Oni daŭrigis la gazeton «Poŝta Esperantisto» ĝis nun eldonitan kiel kromfolio de Esperantisto » (Leipzig). El la publikigitaj artikoloj estas citindaj : « Pri forigo de la poŝtmarko » de Poŝtinspektoro O. Rieck ; « Aerpoŝte » ; speciale rimarkinda estas la esperantlingva traduko de la « Universala Poŝtkonvencio » de Poŝtinspektoro O. Reber.

Por praktikadi Esperanton en la poŝt-kaj telegraffakaj rilatoj inter la geoficistaro kaj la publiko estis necese, pripensi la starigon de speciale faka esperantlingva vortaro. En la jam menciita monata jurnalo « Poŝta Esperantisto » estas publikigata tia vortaro, kiun kunmetis A. Behrendt, membro de l'Esperantista Lingva Komitato ; ĝi estas kvarlingva, nome germana, franca, angla kaj esperanta.

Ne povas ekzisti iu ajn dubo, ke Esperanto multe utilos al la plifaciligo de la rilatoj inter la oficistaro kaj la vojaĝ-

anta internacia publiko kaj de la rilatoj inter la administracioj diverslandaj. (Komparu la artikolon de Esperanto kaj la internaciaj servoj de poŝto kaj telegrafo en La Revuo, Januaro 1912.) La lingva malhelpaĵo estos forigita en la jam nun internaciaj servoj de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono, se oni uzos ĉiulande, ĉiuloke Esperanton, la jam nun sufiĉe disvastigitan, ĉiulande, ĉiuloke, ĉiutage uzatan, ĉu buŝe, ĉu letere, internacian helplingvon. — La homo volas, pensas, meditas kaj klarigas la volon, penson, mediton per vorto, nur komprenata de nacio, se nacilingva, sed internacie perceptata, se internacilingva t. e. Esperanta, kaj fine la Telefono, Telegrafo kaj Poŝto transsendas la vorton al la malproksimulo nevidata, neaŭdebla, ofte eĉ persone nekonata. Jen naskiĝas fadenaro, kiu ĉirkaŭprenas la tutan homaron kaj unufojon pli sentigas : ni ĉiuj estas homoj, kiuj bezonas unu la alian. Jen, kie sidas la altacela, nobla tasko de Esperanto, de Telefono, de Telegrafo, de Poŝto. Ĉiuj kvar estas gravaj faktoroj, por antaŭenpuŝi la homan kulturon ; kune ili efikos pli multe ol dise, — tial gepostiŝtoj ĉiulandaj, helpu al Esperanto, ĝi certe helpos al vi ! Profitu ĝian ekzistadon kaj plifaciligu per tio viajn laborojn! Ĉiu plisimpligo liberigas fortojn, kiujn oni povas uzi alie. Ekzistas ja alia kampoj, sur kiuj oni bezonas novajn fortojn, ĝis nun ne liberajn. Helpu per Esperanto al vi mem, tiel vi helpas vian genton, vian nacion kaj la tutan homaron !

———xxxx———

# LITERATURA FAKO

## Hendrik Conscience

De la 4a ĝis la 11a de aŭgusto, la urbo Antwerpen festos la centan datrevenon de la naskiĝo de nia fama flandra verkisto, H. Conscience.

Tiuokaze Belga Esperantisto malfermis konkurson por tradukaĵoj de fragmentoj el la verkaro de nia granda samlandano.

Ĉi sube ni publikigas duonpaĝon el la verko *Jacob Van Arievelde*, tradukitan de unu el niaj plej fervoraj samideanoj.

### LA VENDREDA VENDEJO

La Vendreda Vendejo en Gento estas unu el tiuj lokoj kies sola vidado rekondukas la poeton al pasintaj tempoj de gloro kaj popolgrandeco. Tiu ebenaĵo kuŝas tie, kiel nemezurebla paĝo, sur kiu la tuta historio de la Flandra Komunumo estas skribita. Scenejo de la feliĉo kaj malfeliĉo, de la potenco kaj humiliĝado de Flandro, ĉi tie la tero cent fojojn tremis sub la piedmovado de la malkvieta amaso ; ĝia tero drinkis la sangon

de niaj praavoj dum furiozaj civilmilitoj ; la aero resonis tie pro ĝojaj triumfkriadoj, pro koleraj venĝemkriadoj, pro amenkantadoj por la landestro, pro la malbenoj kontraŭ tiranoj, pro ardaj deziroj por patrolando kaj libero.

Nenio povas tuŝi la sentojn de la fieraj Gentanoj — ĉu ĝojo, sufero aŭ kolero — sen ke la popolo alkuris el ĉiuj stratoj al la Vendreda Vendejo kiel al la loko apartenanta al ĉiuj kaj kie la almozulo mem, se li estis genta civitano, povis diri : Tio ĉi estas mia propraĵo !

La popolo, pro longa kutimo, iluziigis sin, ke sur la Vendreda Vendejo ĉiu civitano, ĉu malriĉa ĉu riĉa, povis diri tion kion li volas pri la aferoj de la Komunumo kaj de la Lando, sen ke estis permesite al la aŭtoritato, limigi la uzadon de tiu libereco, aŭ puni iun aparte pro io, kio okazis sur la Vendreda Vendejo. En la spirito de la amaso ĉi tiu placo estis kvazaŭ speco de libera loko, kie neniu povis trudi ion krom la popolo sola ; ankaŭ kion oni ne kuraĝis fari aŭ diri, sur alia strato aŭ sur alia placo tion oni laŭte diris kaj publike faris sur la Vendreda Vendejo.

En ribelo aŭ por rajta defendo de la transpaŝitaj popolrajtoj ĉi tien kunkuris la armataj anoj de la Korporacioj kaj de la Metioj, pretaj kiel fervora kaj vira Komunumo por venĝi la liberon, eĉ pro la sola ŝajno de malobeo. Ĉi tie ankaŭ, antaŭ la fasado de la Domego, Gento ĵuris fidelecon al iaj landestroj kaj tiuj ĉi ĵuris neniam transpaŝi la privilegiojn de Flandro.

Esperantigis
C. A. Cassiers.

---

# Belga Popolkanto

*Respektplene dediĉita al la Belga Esperantistaro*

1 O Patroland' ! de l'Belgoj nobla tero,
Laŭdegi vin celadas nia kor' ;
Brilegas ja sur vi la sun' de vero,
De liberec', de paco kaj de glor' !
Per forta vol' de densa loĝantaro
Marŝadas vi sur vojo de l'progres',
Kaj fidelec' al Reĝo kaj leĝaro
Daŭrade vin kronadas je sukces'.

2 Ne revas ni pri militada gloro,
Sed pri fratec' ĉe l'monda popolar' ;
Ni volas nur en paco per laboro,
Kunhelpi al feliĉo de l'homar'.
Se de l'fremdul', per pulvofajr' kaj glavoj
Minacus nin sovaĝa militfort',
Ni timus ne, sed kiel la praavoj,
Defendus nin ĝis venko aŭ ĝis mort' !

3 O Belgoland'! plikresku vi tra l'ter',
Ĉiutage en fam' kaj en gloro!
Vin gardu Di' sur vojo de la ver',
De justeco kaj paca laboro!
Por ke grandu vi restu en mondpopolar',
Sin dediĉas la fortoj de l'tuta Belgar'!
Vivu Belguj'! Vivu la Reĝo!
Estas la kri', estas la kant',
Por vi estas de l'Belgoj la preĝo.
Patroland'!

La du unuaj strofoj estu kantataj laŭ ario de l'Brabançonne; la tria laŭ ario de « Naar Wijd en Zijd » (Vers l'Avenir). FR. ISIDORO

---

# POEZIAĴO

## DOMAĜE

Mi estas la reĝo de la sonĝinsuloj,
Potenca reganto de la sonĝoland',
Fiera ĉefulo de l'sonĝofeinoj
Kaj sola, de mia ŝtatego loĝant'!
Mia regno estas la Mondo de l'sonĝoj
Kiun feliĉeĝe eniras l'anim'!
Domaĝe, ne estas proksime l'aŭtuno.
Jam tie spionas mallume la vintr'.

JULES DE BULYOVSZKI.

---

## Ĉu povas esti io pli konvinkiga por utileco de esperanto en la ordinaro vivo?

Ne necese estas havi iun altan kleron por ke lin oni facile esperantistigu. En mia urbo estas juna ĉapelisto metiisto Miĉo K. Canof, li ricevis en la lernejo nur tre elementaran konon : li finis nur la I-an klason. Tamen tre facile li esperantistiĝis. Esperantisto li fariĝis kaj grandan servon per esperanto akiris. Neniam antaŭe fremdlandon li iris, sed tiun ĉi jaron li decidis fari vojaĝon fremlanden. Decidite, farite! Rimarkinde estas ke li krom bulgaran lingvon kaj esperanton, aliajn, lingvojn li ne konas, eĉ ne la turkan! (Pro najbareco estas multaj bulgaroj sciantaj la turkan lingvon)

Li ĵus revenis el Italujo, kie preskaŭ tutan monaton li pasigis, servante al si nur per esperanto! Tie li haŭtojn ŝafidajn aĉetis kaj ĉion necesan en sia metio. Li laboras ĉapelojn kune kun sia frato. Antaŭ kvin jarojn lia frato vizitadis Italujon kaj tie komercis nur kun helpo de tradukisto.

Sed por nia juna esperantisto ne plu estis necesa tradukisto, li ŝparis necesan por la tradukisto rekompencon. Li vizitis Neapolon, Venecion, Romon kaj aliajn urbojn kaj ĉie renkontis esperantistojn kiuj al li bonvole helpis.

Ankoraŭ lin ne forlasas la admiro, kiun enspiris al li taŭgeco de nia lingvo. Dank' al esperanto, helpita de ĉarma roma esperantistino, li observis gravajn romajn vidindaĵojn : ruinaĵojn antikvajn, la preĝejon de S-ta Petro kaj aliajn. Kaj nun ĉirkaŭ lin kolektiĝas amaso da homoj, lin demandas, lin aŭskultas kun plena intereso, kiam li ebriigita de raveco rakontas pri sia vojaĝo. Kaj ŝajnas al mi, ke liaj vortoj efikas multe pli sukcese en propaganda senco ol plej elokventa parolado de iu ajn ne vizitinta iam fremdlandon kaj ne helpinta al si per nia kara esperanto.

Trojan (Bulgarujo). PENKO STOJEV.

---

# NEKROLOGIO

**Sro W. T. Stead.** — Internacia vekrio aŭdiĝis lastan monatan : pereis en la bela nova oceanŝipego « la Titanic » plej granda nombro da personoj, kiuj iam mortis grandamase en neatendita malfeliĉo. Pli ol 1600 animoj pereis kaj entombiĝis en la kruela maro ; nur proksimume 800 estis savitaj (precipe virinoj kaj infanoj). Inter la mortintoj estis tre amata, eminenta homo, kiu estis fervora amiko de la Esperantistaro. Li ebligis la enkondukon de Esperanto en Londonon, donacis monon, pruntis kunvenejojn, fondigis la unuan Britan esperantistan gazeton « The Esperantist, » kaj kuraĝigis kaj helpis malavare kaj tutkore ĉiam kiam helpo estis necesa. Tiu amiko estis la eminenta kaj rimarkinda redaktoro de la « Review of Reviews » (Revuo de Revuoj) So. W. T. Stead. Li estis plie iniciatoro de paco per arbitracio kaj helpis en la Hague (kiam packonferenco tie siatempe okazis); plie li helpis la virinan movadon, kaj ĉie kaj ĉiam estis preta donaci al malriĉaj kaj malfeliĉaj. Li multe veturis kaj sentigis sian influon eĉ ĉe papo kaj reĝoj.

Li estis vicprezidanto de la Brita Esperanta Asocio. La 24an de Aprilo, la familio Stead kaj granda ĉeestantaro de publiko simpatia (inter ili multaj parlamentanoj kaj aliaj eminentuloj funebris pro la neatendita perdo de tiu tutmonda amiko. Li estis piulo kaj oni kantis ciajn favoritajn himnojn, (ne sen ploroj) kaj la himnon ludata sur la « Titanic » dum ĝia subakviĝo (ankaŭ ne sen larmoj). Estis kortuŝa ceremonio kaj oni aŭskultis eminentan Doktoron, kiu parolis pri lia bona kaj bela karaktero kaj pri diversaĵoj el lia vivo.

Adsefer (Londonn.)

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

Esperanta oficejo en Lyon baldaŭ eldonos esperantan libron pri la urbo Lyon, dua ĉefurbo en Franclando, kiu estas plej interesa por la turistoj, sed bedaŭrinde ne tre vizitata de ili, ĉar la fremduloj ĝin ne sufiĉe konas.

Oni verkis tre interesan tekston en Esperanto kaj aldonos multajn fotografaĵojn. La presaĵo estos luksa kaj konservinda. 15.000 ekzempleroj estos presitaj kaj senpage disdonitaj en ĉiuj landoj antaŭ la IXa kongreso kiu okazos en Ĝenova. Ĉar la elspezoj estos tre gravaj oni devas kolekti anoncojn ; ĉi tiuj estos presitaj sur duonkoloraj paĝoj inter la paĝoj de l'teksto kaj de la ilustraĵoj, tiamaniere ke ĉiuj legantoj nepre devos almenaŭ unu fojon trarigardi tiujn anoncojn ; plie ne nur unu persono legos ĉiun libron, sed multaj, ĉar la eldonaĵoj estos disdonitaj precipe inter la societoj. Do reklamo en tiaj kondiĉoj estos plej trafa. Al tiuj kiuj deziros presigi anoncon pri sia firmo en tiu libro, oni komunikos la tarifon se ili ĝin petas ; oni sendos al ili ĉiujn detalajn informojn.

ALICE FARGES
Esperanta Oficejo — 36 rue Victor Hugo
Lyon.

**Markoj de la oka kongreso.** — La Markoj A. aperis. La Belgaj samideanoj, kiuj deziras ricevi ilin estas petataj sin turni al S-ro Frans Schoofs, kleine Beerstraat 45, Antverpeno. La prezo estas po 1 centimo por ekzemplero. Ĉiu esperantisto subtenu la ĉiujaran kongreson aĉetante la markojn kaj propagandante per ili.

**Du Gravegaj Alvokoj ! ! !**

**Por propaganda celo**, ni insistege petas ke ĉiuj gesamideanoj esperantistaj aŭ personoj esperantemaj, kiuj estas membroj de la « *Turing Klubo de Belgujo* » kaj de la Antverpena Societo de Komercoficistoj « *Unitas* » sendu senprokraste sian nomon (per vizitkarto) kun societana numero al la sekvantaj adresoj, respektive por la du asocioj :

por « *Turing Klubo* » al :

Frans Schoofs, Kleine Beerstraat 15, Antwerpen.

por « *Unitas* » al :

Léon Van de Voorde, Dambruggestraat 118/2, Antwerpen.

---

# HUMORAĴO

## STRANGA BESTO

Joĉjo, fileto de kamparano Avenmezuro, sin okupadas paŝtante tri bovinojn, laŭlonge la granda ŝoseo, kiam tie alvenas sekvantaro da kameloj, elefantoj kaj aliaj bestoj fremdaj. Joĉjo ege miris, ĉar li neniam vidis tiajn fremdajn bestojn kaj eĉ neniam aŭdis paroli pri ili.

Iu elefanto saltis sur napokampon kaj komencis eltiri napojn per sia rostro kaj manĝi ilin unu post alia.

Joĉjo, tion ekvidante, lasis solaj siajn bovinojn kaj rapidege kuris hejmen.

« Panjo, paĉjo, » ekkriis li — tremegante kaj palega, « sur nia napokampo, besto eltiras ĉiujn napojn, besto, mi ĝin neniam dum mia vivo vidis, tiel malbela, tiel griza kiel bufo, kaj trifoje pli granda ol nia nigra ĉevalviro ; plie la besto eltiras la napojn per sia voŝto kaj manĝas ilin per sia postaĵo.

Esperantigis JUL. JACOBS, Contich.

Z. ADAM (Zakrzewski)

# Historio de Esperanto

VERKO PREMIITA EN KONKURSO DE « LA SEPO » 1911

(*Daŭrigo*)

---

Aliĝis ankaŭ eminentaj scienculoj kiel : prof. Charles Méray, prof. Lambert, generalo Sebert, membro de Scienca Akademio, d-ro Emile Boirac, rektoro de Universitato en Dijon, prof. Adam, rektoro de Universitato de Nancy, Tarbouriech, profesoro en Lernejo de sociaj sciencoj, d-ro Offret, profesoro en Universitato de Dijon, d-ro Dor, jam supre citita d-ro Javal, Lépine, Laisant k. c.

Gen. Sebert prezentis Esperanton al la Franca Akademio de sciencoj, en plena kunsido de aprilo 1901 (la raporto estis presita en la « Comptes rendus de l'Academie des sciences) ;

Prof. Charles Méray priparolis esperantan aferon en specialaj revuoj « L'enseignement des mathématiques » kaj en « L'intermédiaire des mathématiques », li skribis en «L'Enseignement Chrétien » (1901, Majo) : « Ekkoninte en februaro 1900 la ekziston de Esperanto, mi ekhavis scivolon rigardi, en kio ĝi povas konsisti, scivolon tute skeptikan, ĉar mi estis kaptita de antaŭjuĝo, ke la problemo de L. I. estas tiel nesolvebla kiel la problemo de perpetuum mobile. Tiel, farinte min preskaŭ posedanto de la lingvo (trideko da horoj en tri semajnoj sufiĉis por tio) mi komencis ekzamenadon en ĉiuj landoj, kie la lingvo franca ne estas parolata... kaj skribis 132 leterojn pri pli diversaj temoj ; de ĉie alvenis multaj interesaj respondoj ».

Por ebligi eldonadon de ofte aperantaj novaj verkoj, de Beaufront decidis la riĉan firmon Hachette preni en siajn manojn eldonadon de esperantaj libroj. La kontrakto de la firmo kun Zamenhof estis subskribita en 1901 ; tiel aperis la fama « kolekto aprobita de d-ro Zamenhof », kiu ĝis jaro 1905 enhavis jam 90 esperantajn verkojn.

Alvenis do tempo por kunigi ĉiujn tiujn laborojn en memstara apoganta sin nur sur samideanoj, esperantista organizacio. En jaro 1898 estis fondita la fama *Societo por propagando de Esperanto* (prezidanto de Beaufront, Laisant).

La Societo komencis sian agadon per fondo de kursoj de Esperanto kaj de grupoj en diversaj lokoj.

Unua kurso publika estis komencita en Grenoble (1898), poste en Lille (1899), en sekvanta jaro : en Limoges, La Rochelle, Valence (1900) en « Association polytechnique » en Parizo (1901), Dijon, (450 lernantoj, Parizo : liceo Condorcet, liceo Charlemagne (1902).

La unuaj grupoj estis fonditaj en : Paris (1900), Besançon, Dijon, Nice, Samoëns en jaro 1901. La unua komitato de la

Pariza grupo konsistis el : G. Moch, prezidanto ; Gabriel Chavet, sekretario ; Alice Roux, d'Eyssantier, Frehis.

La societo Touring — Club ne rifuzis al novaj grupoj monan helpon ; tiel ekzemple en jaro 1902 ĝi dediĉis 400 frankojn al Pariza grupo, 200 fr, al Lyona, 200 al grupo en Le Hàvre, 100 al grupo en St Omer, 100 en Bar sur Seine.

Al « Esperanto Asocio » aliĝis per oficiala decido de sia urba estraro la urbo Dijon ; societoj : politeĥnika, filomatika « Société de l'enseignement moderne ». Eĉ en malgrandaj urboj de franca provinco aperis energiaj propagandistoj, kiel Alfred Michaux en Boulogne-sur-Mer. Deligny en St. Omer, Vaillant en Angoulême, H. Sentis en Grenoble, Dargis en Calais. Baldaŭ Esperanto trapasis de Francujo en najbarajn franclingvajn landojn kaj en francajn koloniojn.

En Belgujo la Brusela ĵurnalo « Le Petit Bleu » akceptis artikolojn esperantistajn. Dank al agado de Houzeau de Lehaie. poste de Seynaeve, Esperanto komencis disvastiĝadi en tiu ĉi lando ; en Alĝerujo faris tion kapitano Montrosier, en Madagaskaro laboris P. Bourdier, en Nova Kaledonio E. Bardoulet, en Kanado, Beauchemin, Saint Martin, k. t. p.

Al la Franca Societo aliĝis multaj alilanduloj. Max Muller akceptis titolon de honora membro (1906) « L'Esperantiste » aranĝis « Internacian Korespondadon Esperantan » — (I. K. E.) por faciligi kaj reguligi interkomunikadojn de diverslandaj Esperantistoj : je difinitaj, facilaj kondiĉoj ĉiu povis publikigi en la ĵurnalo sian nomon, adreson, demandojn pri kiuj li interesiĝas, k. c. La sama gazeto en 1900 aranĝis sian unuan konkurson esperantan, en kiu estis premiitaj : per 1a premio : Sam. Meyer, Hilda Cederblad (Svedujo), f-ino Zabilon d'Her ; per 2a premio : Paul de Lengyel (Hungarujo), Elber, Magnus Nordensvan, Axel, Hasselrot, Gaul Tenneson, K. Boguŝevic, Iv. Sirjaev, Feliks Lallement

Post multaj transloĝiĝoj alvenis ankaŭ Francujon, kie ĝi trovis bazon por trankvila vivo, la malnova esperanta jurnalo ; *Lingvo internacia*, kiu dum jaroj 1895-1901 estis eldonita en diversaj svedaj, kaj hungaraj urboj — kaj kiun fine, de jaro 1902, prenis sur sian redaktadon Paul Fruictier en Parizo.

Jeu kelkaj detaloj el la historio de tiu ĉi gazeto. Fondita, kiel ni jam diris, post la malapero de la Nurnberga *Esperantisto*, ĝia prova numero aperis en Decembro 1905 en sveda urbo Uppsala, eldonita de la Esperantista Klubo de tiu ĉi urbo, kun mona helpo de V. Gernet, konata aŭtoro, loĝanta en Odeso, kiu ankaŭ prenis sur sin eldonadon de la « Biblioteko Esperanta ». Dum jaro 1898 redaktis Paul Nylen, sed en la fino de 1898 la eldonisto anoncis, ke li ne povas jam pli longe daŭrigi sian helpon. Tiam trifoje ripetiĝis konata en Esperanta historio malnova sed mirinda afero, kiu ĉiam konsistis el du aktoj : *unua*-manko de monaj fondoj kaj

malĝoja adiaŭo de la redaktoro al abonantoj, *dua*-subita, neesperita apero de savinto !

V. Gernet, forlasante la gazeton, proponis al Zamenhof, preni sur sin eldonadon. La Majstro tamen absolute ne povis tion fari kaj turnis sin al de Beaufront kun propono kunigi « Lingvon Internacian » kaj « L'Esperantiste », t e. aldoni al la franca jurnalo apartan esperantan tradukon de ĝiaj francaj artikoloj... Tiam Upsala Klubo decidis kaj anoncis kun bedaŭro pri morto de « Lingvo Internacia ». Sed *en la sama numero* (Decembro 1898) aperis sciigo, ke « *unu amiko* en Lulea » prenis sur sin eldonajn kostojn kaj petis nur Paul Nylen daŭrigi redaktadon de la « Lingvo Internacia ». Dum kelkaj monataj, pro manko de signitaj literoj en Luleo, la eldonado estis interrompita kaj la unua numero de 1899 aperis nur en Julio ; la gazeto eliradis duonmonate, sed nur po 8-paĝaj numeroj. Tamen en la lasta numero, kiu aperis nur en Marto 1900, la redakcio sciigis ke « la unua redaktoro estas preta preni sur sin eldonadon de « Lingvo Internacia » dum jaro 1900 nur sub kondiĉo, ke almenaŭ 500 abonantoj por tiu venonta jaro *raportos* sin antaŭ la fino de tiu ĉi jaro estanta »...

Alvenis tamen nur 216 abonoj ! Nova adiaŭa lasta numero kaj nova neesperita apero en alia angulo de Eŭropo en Magyar-Orszag, de savinto kiu prenis sur sin eldonon de la gazeto.

Tiu nova oferanto estis Paul de Lengyel en Szegzard, al kiu Nylen transdonis la eldonadon, kaj post unu jaro, en Oktobro 1901, eĉ la redaktadon. Tuj poste, de januaro 1902 fariĝis redaktoro Paul Fruictier en Parizo, kvankam dum kelka tempo la gazeto estis ankoraŭ presita en Szegzard.

El tiu ĉi periodo de « Lingvo Internacia » — kiu ĝis 1898 estis sola gazeto esperantista — ni notas plej gravajn faktojn.

En majo 1897 Zamenhof dissendis ĉirkaŭ 6000 invitojn al gazetoj kaj reprezentantoj de diversaj mondlingvaj sistemoj por organizi « Skriban kongreson por priparolado kaj decidado de la demando pri L. I. » ; en Julio li sciigas : « ke la Kongreso ne efektiviĝos, ĉar la reprezentantoj rifuzis, kvankam li proponis, ke ili mem prenu sur sin la kondukadon de la Kongreso, kiun li kun plezuro fordonos. » La Majstro aldonas : « Tio estas la lasta provo, kiun mi faris por unuigi ĉiujn personojn, kiuj nomas sin amikoj de la ideo de L. I. Ĉiuj penoj kaj provoj kontentigi niajn kontraŭparolantojn estas vanaj. Ni forlasas por ĉiam ciujn provojn de cedado, kaj iradu de nun trankvile vojon ĉiam rekte antaŭen, memorante ke la vero estas sur nia flanko kaj ke kiu volas kontentigi ĉiujn, kontentigos neniun. »

Kiel ĉefaj plej gravaj kunlaborantoj de « *Lingvo Internacia* » en tiu ci templino 1896 — 1902 ni notas : 1896. F. Postnikov, S. Krikortz, A. Arnold, P. Nylen, V. Smurlo, V. Gernet, R. Lemaire ; gramatikaj artikoloj de A. Kofman, L. de Beaufront,

M. Rakitsi, Paul Fruictier ; pri filatelia vortaro — R. Lemaire pri traduko de Biblio : K. O. Svanbom, V. Tacievski, Homarero ; poezioj originalaj de V. Devjatnin, D. Jegorov, V. Langlet, Amiko, Otto Zedlitz, A. Kofman, B. Kaplan, J. Lojko, K. Boguŝeviĉ, J. N. Podriabinnikov ; tradukitaj de N. Setov, A. Kofman, P. Nylen, Otto Zedlitz, Karl Wijkstrom, V. Langlet, Mozes Goldberg, Sigurd Agrell, S. Sviridov, Julius Lewik, Albana de Magalhaes, A. Caltano, Coutinha P. de Lengyel, G. Schrower, A. Fiedorov (*).

Prozaĵoj originalaj de Jos. Wasniewski, Aleksandrino Bernstein, N. Sutkovoj, I. Ŝirajev, P. Lengyel, P. Ahlberg, V. Langlet, Nylen p.. M. Abesgus, K. Boguŝeviĉ, V. Laskin, V. Kurmanajev ; Tradukoj de V. Langlet, L. E. Meier, A. M. Grunfeld, V. A. Hristiani, V. Halperin, P. Ahlberg, D ro Ebner, N. Kuŝniz, J. Socha. V. Laskin, L. Asklof, B. Spektor, G. Slucki, F. Postnikov, P. Nylen, S. Krikortz, L. de Makay, K. Ŝidlovskij, Aleks Zakrzewski, Haldor Midthus, A. Vejtcler, J. Ŝirajev, Leon Beau, J. Holub ; vojaĝoj : E. Bardoulet, Joz. Wasniewski, Proĥorovic — Koĉmarenko k. c. En literatura konkurso de L. I. jaro 1896 estis premiitaj : M. Abesgus, Joz. Wasniewski (juĝantoj : A. Kofman, V. Gernet, S. Ŝatunovski en Odessa, 31 januaro 1897).

En tiu epoko Esperanto perdis unu el siaj plej talentaj laborantoj, Jozef Wasniewski, pola poeto kaj ĵurnalisto, kiu mortis 38 jara, 19an de Februaro 1897 : varmaj nekrologoj de Zamenhof, Otto Zeidlitz, Gernet, S-ino Prohoroviĉ — Kacmarenko aperis en L. I. La mortinto estis iniciatoro de esperantistaj interlandaj vizitoj, — aŭtoro de la unua pola propaganda broŝuro, konstanta kaj ŝatinda kunlaboranto de la *Nurnberga Esperantisto* kaj de L. I. Lev Davidoviĉ, bone konata de esperantistoj sub nomo de Ben-David, mortis en Odessa (20 dec. 1897) ; Jan Janowski, fervora propagandisto en Polujo (22 Mart. 1898) ; d-ro Vincento Filipoviĉ, prezidanto de la Odessa Societo (1901) ; en Essen W. H. Trompeter (7 Novem. 1901) 63 jaraĝa, grandmerita malnova esperantisto, pri kiu ni supre parolis.

La ĝeneralan bilancon de Esperanta movado en tiu ĉi epoko (1896-1904) prezentas sin tiel :

Societoj ; 1896. Kremenĉug (Pesockij), Melilopol (Ŝĉavinskij) Teplik (Kaminski, Kuŝnir), Krasnojarsk (P. Kadik), Tiflis (Avilov),

(*) Notinda fakto : S ino S. S. ricevis je la 7a horo lernolibrojn esperantajn je la 10a horo ŝi tradukis versaĵon de Lermontov :

Tiel adiaŭ ! ho vorto severa !
Nun kvin literoj, sed prenis jam ĉion
Naskis en koro doloro infera
Kaj de feliĉo restis nenion,
Rigardas okuloj vin, ho mia ĝojo...
Kaj — kiu scias ? — je lasta jam fojo ;
(L. Int. (N. 8-7. 1898)

Smolensk (Al. Zakrzewski ; 1897 : Louhans (Chavet), Jaroslave, Nykjobing (S. K. Toksvig), Odessa (d-ro Filipowic), Moskva (Federowski), Karlskrona (Akklof), Ranenkurg (Ŝapoŝnikov) ; 1898. Göteborg (E. Borjeson) Sela (H. Cederblad); Gilli Charleroy (Roelandt), Stockholm (P. Ahlberg) Uleaborg (Fihl.), Arĥangelsk (Al. Zakrzewski) ; 1900. Parizo ; 1901 Sodertelje (Sussmuth) ; Dyon ; Plovdiv (Bulg.), Vladivostok ; Brno (K. Pelant) ; Louviers, Montréal, Stockholm : Besançon, Nice, Samoëns ; Bruxelles ; en 1902 — 38 (el tio francaj kaj belgaj 19), en 1903 — 107 (fr. k. bel. 44), en 1904 — 188 (fr. k. bel. 92) (vidu la statistikan tabelon en fino de la libro).

*Gazetoj* : 40, el kiuj 14 en Francujo aŭ en franclingvaj landoj, simptoma detalo : el 14 francoj gazetoj ekzistas ĝis nun 8, el aliaj 26 nur 2 (La Suno Hispana en Valencia kaj Antaŭen Esperantistoj en Lima) !

La libra literaturo kalkulis ĉirkaŭ 300 verkojn, el kiuj lernolibroj, ekzercaroj, vortaroj, propagandaj broŝuroj de Zamenhof, L. de Beaufront, P. Berthelot, Ch. Lambert, A. Grabowski, Sudria, Cart, Merckens, Pagnier, Procureur, Marissiaux, Lemaire, Jurgensen, Borel, Villanueva, Gallois, Gaetano Contino, Fruictier, Geoghegan, Henderson, Motteau, Rhodes, O' Connor, Ĉejka, Popov, Oreŝkov, Atanasov, Kanev, Skeel-Giorling, Wacher, Rahamegi, Deligny, Offret, Meier, Fried, Christalller, Hopt, Knobel, O. Simon, Zierenborg, Ramon Limones, Dreves Uitterdijk, Lengyel, Marignoni, Libeks, Wasniewski, Costae Almeida, Nylen, Ahlberg, Saint-Loup, Codorniu, Aymonnier, Boirac, G. Moch, L. Couturat, Villareal, Ostwald.

*Literaturaj verkoj poeziaj* ; A. Kofman (Byron, Iliado), V. Devjatnin, Vaillant (fabloj de La Fontaine), Witteryck, N. Kusnir (Lermontov) ;

*Literaturoj verkoj prozaj* ; Zamenhof (Hamleto), de Beaufront (Esp. prozaĵoj), J. Evrot, S. Meyer (X. de Maistre, Molière), Kabe (Sieroŝevski), S-ino Sarpy (Perrault) Seynaeve kaj Van Melkebeke (El Flandra literaturo), Valienne (Eneido), Capé Monrosier (Coppée), Lallement kaj Beau (Diversaĵoj), Motteau (Shakespeare), Lojko (Tolstoj), Borovko (Puŝkin), Burenkov (Tolstoj), Kazi-Girej (Garŝin).

*Sciencaj verkoj* : Boirac (Monadologio de Leibnitz) Dombrovskij (Pri kurbaj linioj), S. Poljanskij (Kurioza Sunhorloĝo), L. Grucy (Sunhorloĝo), Kühnl (Jan Hus).

*Muzikaĵoj* (F. de Ménil, L. Bernot. Adelskjold, Deahayes, Fiodorov). La nombro de Esperantistoj enskribitaj en la Adresaroj estis en fino de ĉiu jaro : 1900 - 5567, 1091 - 6578, 1902 - 7699, 1903 - 9260 1904 - 11199.

Ni ne priskribas en tiu ĉi capitro, la movadon esperantistan en apartaj landoj, ĉar en kelkaj el ili ĝi preskaŭ tute malaperis, en aliaj ĝi nur komenciĝis ; ni do prokrastas tion ĝis sekvanta capitro..

Priskribante tiun ĉi epokon de esperanta vivo, de Beaufront rakontas anekdoton pri franca elmigranto, kiu, reveninte hejmen post la revolucio, al demando : « kion li faris dum tiu ĉi terura tempo ? » — respondis : « Kion mi faris ? — mi vivis ! »

Jes, aldonas Beaufront, *ni vivis*. — kvankam oni ĉiam anoncis nian morton kaj eĉ penis rapidigi ĝin... Ni vivis — malgraŭ malamikoj kaj persekutantoj, malgraŭ jaluzo, envio, mokado, insultoj... »

Nun, ŝajnas al ni, ke la suprecitita respondo estis jam tro modesta : en tiu ĉi epoko Esperanto ne nur vivis, sed danke al energia agado en Francujo preparis bonan fundamenton por sia estonta progreso !

Rondoj, grupoj, apartoj esperantistoj komencis interkomunikiĝi : personaj vojaĝoj kaj vizitoj baldaŭ aliformiĝis en interurbaj kaj regionaj kunvenoj. Kaj kiam en Calais, en jaro 1904, alvenis ne nur Francoj el najbaraj urbetoj, sed ankaŭ Belgoj kaj kelkaj Angloj — la kunveno nomiĝis jam *kongreso* — kaj estis antaŭsigno de la unua, jam vere internacia, brila kaj majesta momento en historio de Esperanto, *de la Bulonja Kongreso en 1905*. Tiun momenton mi konsideras kiel komencan punkton de nova epoko en nia historio — epoko de vere internacia vivo.

## IVa Epoko : Esperanto — Lingvo Viva.

### 1. *La Bulonja Kongreso kaj Kongresa epoko.*

La 7a de augusto 1905 estas granda tago en historio de Esperanto.

El tridek diversaj landoj de la nova kaj malnova kontinentoj alvenis, en malgrandan francan urbon Boulogne-sur-Mer, al invito de la tiea esperanta grupo, ĉirkaŭ milo da diversnaciaj esperantistoj.

Multaj el ili dum longa vojaĝo certe ne estis liberaj de ia timo, simila al tiu, kiun devas senti elpensuloj aŭ eltrovistoj, kiam ili unuan fojon faras praktikan provon de maŝino aŭ aparato, rezultato de iliaj longaj penoj kaj laboroj. Kio okazos se ĝi ne funkciados, ne taŭgos por la difinita celo ?

En esperantaj jurnaloj oni certe jam de longe legis interesajn rakontojn pri vizitoj, interparoladoj, diskutoj de diverslantoj estis perte indulgemaj unu por alia, helpis sin diversmaniere por reciproka kompreniĝo... kaj la priskriboj de tiuj renkontoj servis per propaganda celo en kiu iom da pligrandigo estas permesita ! Sed nun, en granda publika kunveno, antaŭ tiom da diverslingvanoj, ĉu Esperanto elte nos tiel seriozan provon ? Ĉu ĝi montros sin taŭga por tiu grava tasko ? Multaj memoris, ke dum Volapukaj kongresoj oni parolis germane kaj ke ĉiuj aliaj lingvanoj estis devigitaj atendi pacience, ke oni traduku ĉiun proponon en ilian lingvon ! Certe ni ĉiuj konvinkiĝis ke Esperanto ne povas esti komparata kun Vola-

puk... tamen la graveco de la problemo ne ĉesis maltrankviligi multajn kongresanojn.

Sed ĉiuj timoj, ĉiuj duboj malaperis subite kaj plene tuj de la unua momento de la malfermo de la kongreso ! Post unuaj vortoj de Ludoviko Zamenhof, potenca ondo de entuziasmo diskuris tra la tuta salono de la Bulonja Urba Teatro, plena da mondo ! La ĉeestantoj ne povis atendi finon de la parolado de la Majstro kaj interrompis ĝin ofte per laŭtaj, varmaj aplaŭdoj, ili ne povis kunteni triumfan krion de tiu ideo, kiun ĉiuj profunde portis en siaj koroj, kaŝita eble jam de multaj jaroj ! Jes, en tiu momento triumfe realiĝis ideo de Lingvo Internacia ! Francoj, Angloj, Germanoj, Poloj, Kanadanoj, Meksikanoj... eksentis ĉiuj samtempe, ke la lingvo, en kiu parolas al ili Zamenhof, estas jam ilia lingvo, kvankam ili ellernis ĝin en plej diversaj kaj malproksimaj anguloj de la tero kaj kiun multaj eble neniam ankoraŭ aŭdis parolatan ! ili eksentis veran, fortan ligilon inter si ĉiuj ! ili eksentis, ke en tiu momento la mondo, dispartigita en fremdajn, malamikajn, suspektemajn hordojn, faris fortan, kuraĝan pason al frateco kaj tuthoma amo !

En tiu glora festo internacia Zamenhof prave diris, ke : « unuan fojon en homa historio ni, membroj de plej malsamaj popoloj staras unu apud alia ne kiel fremduloj, sed kiel fratoj, ĉar hodiaŭ kunvenis ne Francoj kun Angloj, ne Rusoj kun Poloj, sed homoj kun homoj ! *Benata estu la Tago ! grandaj kaj gloraj estu ĝiaj sekvoj* ! »

En tiu tago Zamenhof estis plene rekompencita por siaj longaj, multjaraj laboroj, por la ofero de sia juneco, de sia tuta vivo al tiu nobla ideo !

En Historio de Esperanto devas esti enskribitaj sur honora loko nomojn de iniciantoj kaj organizintoj de tiu unua esperanta internacia manifestacio : de Alfred Michaux, advokato, prezidanto de esperantista grupo en Boulogne-sur-Mer ; — la « Unu por la Unua », kiel oni lin poste nomis, kaj de liaj kolegoj, membroj de la komitato de tiu ĉi grupo : M. Dervaux, Paul Boulet, S-ino Pannevin, de la organizanto de la esperanta ekspozicio, S-ro Deligny, de la membroj de la societoj, kiuj helpis al la efektivigo de tiu ĉi festo... La ne multenombra Bulonja grupo ne povis preni sur sin tiel grandan entreprenon. Ĝi do turnis sin al aliaj pli riĉaj societoj, kiuj ne rifuzis monan kaj moralan helpon. Ili estis : Franca Societo por propagando de E., Franca Turing Klubo kaj Pariza E. grupo. La Bulonja grupo komencis preparajn laborojn jam en 1904 kaj kondukis ilin perfekte ĝis la lasta momento de la Kongreso.

La urbo Boulogne de sia flanko pretigis solenan akcepton : verdaj standardoj kun verdaj steloj elpendis el multaj fenestroj ; sur la scenejo de la urba teatro atendis nian Majstron ; Peron, urbestro de Boulogne ; Bilbocq, vicestro : Farjon,

prezidanto de la Komerca Ĉambro ; prezidantoj de la tri Societoj, kiuj organizis la Kongreson : generalo Sebert, de la Franca Turing Klubo, Cart, de la Fr. Societo por prop. de Esperanto, Michaux, de la Bulonja esp. grupo. Kiam Zamenhof eniris, rondo de fraŭlinoj ekkantis « Esperon » kaj la urbestro salutis la Kongreson je nomo de la urbo en franca lingvo kaj Farjon,prez. de la Komerca Cambro — esperante. « Hodiaŭ, » li diris,« okazas en nia urbo unua internacia Kongreso, en kiu ĉiuj kunvenantoj komprenos sin reciproke : tio estos fakto memorinda en la historio de civilizacio kaj urbo Boulogne — sur —Mer povas esti fiera, ke ĝi estas elektita por tiu solena festo ».

En la komitato de la Kongreso estis invititaj de D-ro Zamenhof, prezidanto, Boirac, Michaux, Mybs, kolonelo Pollen, generalo Sebert — vicprezidantoj, Boulet, Dervaux, Grabowski kaj Kuhne — sekretarioj ; krom tio reprezentantoj de ĉiuj ĉeestantaj nacioj estis invititaj sur la scenejon Efektiva prezidanto estis d-ro Emile Boirac, kiu kun mirinda talento gvidis kaj resumis diskutojn dum kvar longaj kunsidoj.

En la unua (lundo, 7an de augusto) d-ro Zamenhof legis sian deklaracion, kies teksto iom ŝanĝita de la Komitato, estis prezentita al Kongresanoj en la kvara kunsido (merkredo 9a aŭg.) en ĝia difinitiva formo kaj akceptita de la Kongreso.

Tiu deklaracio fariĝis kvazaŭ esperantista lingva « Credo ».

Dum kvar kunsidoj estis priparolitaj multaj demandoj interesantaj Esperantistaron : pri akcepto de Esperantistaro : pri akcepto de Esperanto en poŝtaj kaj telegrafaj oficejoj (propono de Ducros) ; pri elparolado de Esperanto ; pri propagando inter junuloj (propono de Edm. Privat) ; pri esperanta standardo (estis akceptita la Bulonja flago : verda tuko, longa je 1.20 m. kun maldekstra blanka angulo je 50×50 ctm. kun verda stelo ; pri signitaj literoj (propono de Saint Martin el Kanado) ; pri esper. himno, pri poŝtmarka internacia informejo (propono de E. Charles kaj de la Viena klubo) ; pri esp. stenografio, pri la loko de la sekvanta Kongreso.

Sed plej grava kaj plej longe diskutita estis demando pri internacia organizado de Esperantistoj : bezonon kaj necesecon de tia organizacio por lingvaj kaj administraciaj aferoj esprimis kaj defendis K. Bein, Matton, C. Bourlet ; multaj aliaj parolantoj: pastro Peltier, Jeanneney, Saint Martin, Saquet, Krikortz, D-ro Dor, prof. Cart, esprimis opiniojn kontraŭajn. Kiam do, laŭ propono de pastro Peltier, oni disigis demandon pri centra lingva organo de tiu pri internacia organizacio, la Kongreso per voĉdono ne aprobis fondon de Ligo nek de ia ajn internacia federacio, sed nur de Komitato simple lingva por « konsiligi pri demandoj, rilataj al la lingvo », — kun kondiĉo, ke la kongresa estraro konsiliĝos pri tiu demando kaj prezentos nomaron de

kandidatoj al la kongreso (8a Aŭg.). En la 4a kunsido la listo de komitatanoj estis prezentita kaj akceptita de la kongresanoj (7a aug). Ĝi enhavis nomojn de la 98 unuaj Komitatanoj.

La Kongreso decidis ankaŭ, ke la nuna Kongresa estraro estos « organiza Komitato » por la sekvanta Kongreso, ke ĝi sekve decidos demandon pri la loko kaj esploros ankaŭ aliajn demandojn resenditajn, prokrastitajn aŭ nediskutitajn dum la nuna Kongreso kaj raportos pri ili en la venonta.

Bela estis momento, kiam dum la solena festeno en la urba kazino diverslandaj esperantistoj alportis al Zamenhof kaj al la internacia Esperantistaro salutojn de siaj landoj : Bolingbroke-Mudie el Anglujo, Grabowski el Polujo, Schneeberger el Svisujo, Ostrovski el Rusujo, Otto Simon el Germanujo, Krikortz el Svedujo, Balik el Bohemujo, Codorniu el Hispanujo, Saint Martin el Kanado...

Dum sia vojaĝo al Boulogne, Zamenhof estis entuziasme akceptita de Berlinaj kaj Parizaj samideanoj. En Parizo li estis invitita kune kun generalo Sebert, D-ro Javal kaj Prof. Bourlet, de la ministro de publika instruado ; dum la Kongreso alvenis sciigo, ke Zamenhof estis nomita kavaliro de la franca « Legio honore ». Post la kongreso, la Majstro kaj ĉirkaŭ 300 kongresanoj vizitis Anglujon : en Folkestone ili estis solene festitaj de la urbestraro en la Town Hall, en Dover de la tiea Esperanta societo.

Por la IIa Kongreso, 1200 Esperantistoj kunveturis Genevon (Svisujo). La 28an de aŭgusto 1906 generalo Sebert, prezidanto de la Organiza Komitato, oficiale malfermis la Kongreson en la teatra ĉambro de la Amikoj de Instruado. Oni elektis : prezidanto : Schneeberger, prezidanto de la svisa E. Societo ; vicprezidantoj : Ed. Bernard, prezidanto de la loka organiza Komitato, Michaux, organizinto de la Boulonja Kongreso, Lemaire, Küchler, Moscheles, Zinoviev ; sekretario generala G. Moch ; sekretarioj : redaktistoj : G. Chavet, Aimé, Warnier, Privat, Hodler, Em. Bernard, Monod, Kuhnl, kaj honora Komitato : generalo Sebert, D-ro Mybs, kol. Pollen, prof. Boirac kaj naciaj reprezentantoj.

Zamenhof salutis Kongreson per bela programa parolado, el kiu ni ne povas ne citi kelkajn gravajn partojn : « Ni ĉiuj konscias tre bone, diris Zamenhof, ke al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj, grava ideo, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo — vi ĉiuj sentas ĝin tre bone — estas frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Tiu ĉi ideo akompanadis esperantismon de la unua momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Ĝi instigis la aŭtoron de Esperanto, kiam li estis ankoraŭ malgranda infano ; kiam antaŭ dudek-ok jaroj rondeto da junaj diversgentaj gimnazianoj festis la unuan signon de vivo de la estonta

Esperanto, ili kantis kanton, en kiu post ĉiu strofo estis ripetataj la vortoj : « malamikeco de la nacioj, falu, jam estas tempo. »

« Se mi la tutan pli bonan parton de mia vivo memvole pasigis en grandaj sufero kaj oferoj kaj ne rezervis por mi eĉ rajton de aŭtoreco — ĉu mi faris tion ĉi pro ia praktika utileco ? Se la unuaj esperantistoj pacience elmetadis sin ne sole al konstanta mokado, sed eĉ al grandaj oferoj kaj ekzemple unu malriĉa instruistino longan tempon suferis malsaton, nur por ke ŝi povu ŝpari iom da mono por la propagando de Esperanto, ĉu ili ĉiuj faris tion ĉi pro ia praktika utileco ? Se ofte personoj alforĝitaj al la lito de morto skribadis al mi, ke Esperanto estas la sola konsolo de ilia finiĝanta vivo, ĉu ili pensis tiam pri ia praktika utileco ? Ho, ne, ne, ne ! Ĉiuj memoris nur pri la interna ideo, entenata en la esperantismo ; ĉiuj satis Esperanton ne tial, ke ĝi alproksimigas reciproke la korpojn de la homoj, eĉ ne tial, ke ĝi alproksimigas la cerbojn de la homoj, sed nur tial, ke ĝi alproksimigas iliajn korojn. Kio do tiel entuziasmigis la membrojn de la kongreso ? Ĉu la amuzoj per si mem ? Ne, ĉiu ja povas havi sur ĉiu paŝo multe pli grandajn amuzojn, aŭskulti teatraĵojn kaj kantojn multe pli bonajn kaj plenumatajn ne de nespertaj diletantoj, sed de plej perfektaj specialistoj ! Ne, vi ĉiuj sentis tre bone, ke nin entuziasmigis la interna ideo de la esperantismo, kiun mi ĉiuj sentis en nia koro. Ni sentis, ke komenciĝas la falado de la muroj inter la popoloj, ni sentis la spiriton de ĉiuhoma frateco ».

(*Daŭrigota*)